# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**auto 26/07/2013 Cent dudektria Eldono 26/07/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 255 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon




**Informaj rakontetoj, Bona lingvo 5 minuta lertiga sperto**

http://esperantareradio.blogspot.co.at/

18 Julio 2013 **PUPUSA**

Por prepari 6 mezgrandajn pupusojn kun fromaĝo necesas taso entenanta kvaronon de litro, kiel mezurilo, kaj la sekvaj malmultaj ingrediencoj:

* 3 tasoj da tiu speciala maizfaruno
* duontaso da varma akvo
* duonkulereto da salo
* taso da taŭga raspita fromaĝo

("Quesillo" aŭ "Mocarelo" aŭ alia kun pli-malpli similaj gusto kaj aromo).

Nun, ek al laboro!

Miksu maizon, akvon kaj salon en bovlo. Se necese, aldonu iom da akvo por knedi paston sufiĉe molan por eviti formiĝon de fendoj poste. Ripozigu la miksaĵon dum

ĉirkaŭ dek kvin minutoj en la bovlo kovrita per memadhera plastofolio.
Dishaku la paston en ses egalajn partojn, faru per ili bulojn; en ĉiu bulo faru truon per via dikfingro (dekstra aŭ maldekstra, indiferente), plenigu la truon per raspita fromaĝo kaj ŝtopu ĝin.
Formu el la bulo iom dikan diskon bone atentante, ke la fromaĝo ne eskapas tra la pasto. Ŝmiru iom da kuiradoleo sur mezvarma surfaco de fera pato – ĝi vere estas preferinda – metu tien kaj lasu la pupusojn ĝis, kiam ĉiu ilia flanko akiras belan brunecan nuancon.
Surtabligu la varmajn pupusojn, aldonu vinagritajn legomojn kaj laŭplaĉe pikan saŭcon kaj gustumu! La delikate fritita maizopasto karesos vian palaton – kaj vi ne kredos, ke tiom simpla manĝaĵo povas esti tiom bongusta: vere indiana kulinara triumfo!

. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

## La Ŝlosilo 32 paĝa

Roger Springer desegnis




## Handy Card

Jim Radford desegnis




Ambaŭ estas propagandiloj

Kiam oni demandas pri Esperanto, vi nun havas taŭgan respondon.

Donu la "handy Card" al ĉiuj demandantoj.

Donu la libreton al iu ajn kiu montras lingvan intereson

.

Esperantisto kaj Direktoro de ImageDirect, represis la libreton. Li sendis 2000 kopiojn al mi



Ĉu ekzistas vortareto ie, kiu temas pri la komputilo/komputero? Mi trovas, ke mi apenaŭ konas la bezonatajn vortojn en la angla, sed certe ankaŭ necesas al mi uzi la esperanto-vortojn fojfoje. Se tia aro ne ekzistas, jen taŭga temo, miaopinie, por kunlaboro je iu

venonta somerkursaro. Atendante.... Vera



**ILEI konferenco:**
Jennifer Bishop kaj mi dum ekskurso en Goslar

Jen tre interesa filmeto. Je 25 minutoj post la komenco vi eĉ vidos Heather, Franciŝka, Marcel, ktp http://www.youtube.com/watch?v=ozx2iPA5ZU0

kantado dum la konferenco
http://www.youtube.com/watch?v=J3N_3sx31G0
Intervjuo kun Katalin
http://www.youtube.com/watch?v=8t_C8OfpkOM
Sendis Nicole Else

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
20/07/13 Venis tri Roger, Eŭnice, John,

## Saluton al vi okaze de Esperanto-Tago 2013!

Esperanto-Tago je la 26a de Julio Brian Barker




## Bonvenigaj vortoj al la publikaĵo de UEA

## "125 jaroj de Esperanto"

***Rita IZSÁK** sendependa eksperto de Unuiĝintaj Nacioj pri minoritataj aferoj*

"Unueco en diverseco" estas slogano pri celo kaj dezirata vivoformo, kiun mi ofte uzas dum traktado de minoritataj rajtoj kun diversaj komunumoj, kadre de mia mandato kiel sendependa eksperto de UN pri minoritataj aferoj. Ĝuste tion strebas atingi Esperanto

- lingvo kreita por superi etnajn, naciajn, religiajn kaj lingvajn malsamecojn, kaj por trovi komunan diskutbazon por la interŝanĝo de vidpunktoj kaj celebri la interkompreniĝon de diversaj popoloj,respektante la kulturan kaj lingvan diversecon de ties anoj.



Unesko listigas pli ol 6000 lingvojn tutmonde parolatajn, el kiuj la plimulto povas esti konsiderata minoritata lingvo kaj pluraj el kiuj estas minacataj. En 2012 ni celebris la 20-jariĝon de la deklaracio de rajtoj de personoj apartenantaj al naciaj, etnaj, religiaj aŭ lingvaj minoritatoj. Nun estas la taŭga momento por pritaksi la progreson kaj defiojn ankoraŭ venkendajn en la protekto de minoritataj lingvoj. Hodiaŭ, kiam ni festas la 125-jariĝon de Esperanto, mi volas gratuli Universalan Esperanto-Asocion pro ties atingoj kaj agnoski ties strebadon por labori cele al la interkompreno de popoloj, komunika demokratio kaj subteno de kultura kaj lingva diverseco. Pro tiu grava laboro UEA estis rekomendita por la Nobel Pacpremio fare de svisaj parlamentanoj en 2008.

Plenumante mian laboron mi difinis la rajtojn de lingvaj minoritatoj kiel unu el la ŝlosilaj prioritatoj, ĉar por minoritatoj lingvo estas centra elemento kaj esprimo de identeco kaj havas gravan rolon en la konservado de la grupa identeco. Hodiaŭ, en ĉiu regiono, signifaj defioj estas antaŭ minoritatoj parolantaj minoritatajn lingvojn kaj dezirantaj konservi kaj uzi ilin en publika kaj privata vivosferoj. Lingvaj minoritatoj ofte estas ankaŭ naciaj, etnaj aŭ religiaj minoritatoj, konsekvence la defioj antaŭ ili estas multobligataj pro diskriminacio nacia, etna aŭ religia, surbaze de ilia aparteno.

Historiaj faktoroj, kiel koloniado havis fortan efikon al lingvoj, kaŭzante marĝeniĝon de indiĝenaj kaj minoritataj lingvoj kaj malkreskon de ties uzo. La enkonduko de la lingvo de koloniantoj en Afriko, Azio, Norda kaj Suda Amerikoj komencis la marĝenigon de indiĝenaj kaj minoritataj lingvoj. En edukado, administrado, politika vivo kaj komunikadoj la koloniantaj lingvoj estis privilegiataj. Minoritataj kaj indiĝenaj lingvoj ofte estis traktataj kiel malevoluintaj, obstakloj al kolonia hegemonio, aŭ bremsaj al la nacia evoluo. Same ni povas hodiaŭ diri, ke la tutmondigo havas rektan kaj detruan efikon sur minoritatajn lingvojn kaj sur la lingvan diversecon, ĉar tutmonda komunikado kaj surmerkatigo bezonas tutmondan interkompreniĝon.

Tial estas grave konservi kaj celebri la milojn da minoritataj lingvoj, sed memorante pri la vizio de la kreinto de Esperanto, ankaŭ trovi komunajn vojojn de interago unu kun la alia kaj subteni amikecon, pacon, interkomprenon, kunlaboron kaj interdependecon de nacioj kaj popoloj. Mi esperas, ke Esperanto daŭrigos la plenumadon de tiu duflanka rolo subtenante diversecon kaj kreante unuecon.

*Tradukis al Esperanto: Stefano Keller, Svislando*

## LINGVAJ KONSILOJ DE MARCEL.

Antaŭ apozicio oni uzas komon: "Oni juĝis nin, la Esperantistojn, ….. "



Ĉe adicioj oni uzas interan "kaj" aŭ komon: "Ni kunprenis panon kaj buteron kaj fiŝaĵon"; "Ni planis naĝi, piedpilki, bicikli, ktp."; "Ŝi preferas helajn, brilajn, kolorojn".
vortkunmetoj: "franca-germana vortaro"; "Nia sekretario-kasisto".
Ni kutime NE uzas streketon ĉe aglutinaj kunmetaĵoj: "manĝtablo; tablotuko; helblua; kafoklubo". Ni tamen uzas streketon inter partoj de titoloj, k.t.p.: "Esperanto-Teo-Klubo".

Notu la diferencon ĉe "El ĉiuj teokluboj mi preferas la brisbanan teoklubon" (= komuna uzo) kaj "Brisbana Teo-Klubo festos sian datrevenon" (= titolo, propra nomo).

La komunaj nomoj ne havas ĉefliteron ("Estas neniu kafklubo en Darvino"), dum la propraj nomoj ĝin ĉiam havas: "(La) Melburna Verkisto-Societo"; "La Sankta Biblio". Cetere ekzistas nenia tialo por neuzi ĉefliteron ĉe ĉiuj vortoj en titoloj: "Por La Ĵus-Alvenintoj". (Ĉar antaŭ titoloj ktp. ne uzatas la artikolo "la", estas konsilinda inkluzivigi ĝin en tiajn proprnomajn esprimojn: "La Melburna Esperanto-Societo".

Ankaŭ la vorto "Esperanto" estas propra nomo en nia lingvo, same kiel "Julio" kaj "Vendredo" kaj "Latino" (sed ne la adjektivo "la franca". Se oni volas skribi Esperanton kaj Julion kaj Vendredon kun malgranda litero, ili fariĝas komunaj nomoj kaj bezonas la vorton "la" antaŭ si.

Marcel Leeereveld

## Volo Gueltling trovis erarojn je AE122.

La ĝusta formo estas la RUĜA teksto

Ĉiam dankon pro la daŭra laboro por eldoni la novaĵleteron .
Kiel sekretario de la grupo eble vi jam havas je via dispono tiun informon.
2a noto : mankas supersigno 2 foje ĉe ''ŭ''



Sub : Esperanto : Basic Information card : Ne permesu ...
La propagandiloj ekzistas ... (ne: estas)
… por kuraĝigi aliajn …
Esperantisto kaj direktoro … presis la libreton la duan fojon …
Saluton, Volo Ho Ve ! Roger Springer




Klaku kaj aŭskultu infanojn kanti Esperante
http://www.youtube.com/watch?v=13riCiooDEQ



Tre Kara Amiko Roger Springer
Ricevu el Brazilo nian varman saluton okaze de la
**INTERNACIA TAGO DE AMIKECO**
----------- la 30-a de Julio --------------
Memortago rekonita de Unuiĝintaj Nacioj

Por festi ĉi tiun agrablan kaj pacan tagon, la retpaĝaro de Legio de Bona Volo aperigis
artikolon de la verkisto Paiva Netto, nome *"Amikeco, jen mia Religio"*, kiu inkludas belegan poeziaĵon de la rimarkinda poeto Alziro Zarur (1914-1979), la karmemora fondinto de tiu institucio. Ĝi estas legebla per la jena ligilo:
http://www.paivanetto.com.br/index.php/esp/artigo?cm=91749&cs=100

Ni petas Vin bonvole disvastigu ĝin per via retpoŝta dissendlisto. Opinioj kaj komentoj estas tre bonvenaj!

Omaĝe al la *Tago de Amikeco*, ni dediĉas al Vi, nia estimata amiko, la suban eldiron de la radpreleganto kaj edukanto Paiva Netto:

***Amikeco, kiu naskiĝis en porĉiama idealo de Bonfarado, neniam malaperos.***

Nome de la Legianoj de Bona Volo,
amike, frate, samideane via,
S-ino Maria Aparecida da Silva
www.bonwww.tbv.com.br/esperantoavolo.com

